# GAŬĈA STELO 

Informilo de Gaŭĉa Esperanto - Asocio n-ro 5 – Sept/ 97


# 9ª Renkontiĝo de Esperanto

Dum la lasta septembro, de la 18ª ĝis la 21ª, okazis en Porto Alegre la 9ª SUDBRAZILA RENKONTIĜO DE ESPERANTO. Tiu evento kunligis la reprezentantojn de esperantaj asocioj kaj gesamideanojn de la suda regiono venintaj el San-Paŭlo, Paranao, Sankta Katarino kaj R.G.do Sul. Ankaŭ partoprenis en la Renkontiĝo samideanoj de diversaj urboj de Brazilo : Rio de Janeiro, Volta Redonda, S.Paŭlo, Santos, Campinas, Campos do Jordão, Juiz de Fora, Curitiba Florianópolis, Rio Grande, S.Sebastião do Caí kaj de Montevideu (Urugvajo).



La sudbrazilaj renkontiĝoj, okazantaj po du jaroj, ekaperis antaŭ 17 jaroj, precize en la urbo Porto Alegre. Ĉi-foje, la temo estis "La Socia Rolo de Esperanto".

La inaŭgura kunveno okazis la 18an de septembro/97, en la aŭditorio de Kooperativo pri Loĝado (SECOVI), ĉe strateto Francisco Leonardo Truda n-ro 98, 9ª etaĝo, en la urbcentro. La prezidantino de Brazila Esperanto-Ligo (BEL), S-ino Symilde Schenk Ledon, honora invitata, la prezidantino de Gaŭĉa Esperanto-Asocio (GEA), S-ino Lucila D.Fernandes kaj la prelegintoj sidintaj ĉe-table eldiris mallongajn salutojn en Esperanto kaj portugallingve.

La guberniestro de R.G.Sul, ĵurnalisto Antônio Britto, la prezidanto de la Deputitara Ĉambro, deputito João Luiz Vargas, la deputito Marcos Rolim, la urbestro de Porto Alegre, Raul Pont kaj la Sekretariino pri edukado de nia ŝtato, Prof. Iara Silvia Wortmann, sendis saluttelegramojn pro neebla ĉeesto.

# Lingva Ŝerloko



**Karaj Watson-oj:**
Legu atente la jenajn frazojn kaj klopodu korekti ilin. Ĉe la lasta paĝo de ĉi tiu Informilo vidu ĉu viaj korektoj estas korektaj :

1. Vidu se viaj gepatroj jam alvenis.
2. Morgaŭ havos lecionon de la portugala lingvo.
3. La leciono finas je la 10ª vespere.
4. Mi loĝas 5 kilometroj de ĉi tie.
5. Li parolis 30 minutoj dum la mateno.
6. Mi demandis al li kion li vidis.
7. Johano finiĝis la konstruadon de sia domo post tri monatoj.
8. Petro gvidis lian aŭtomobilon ĝls sian garaĝon.

# Prelegintoj

Je la19a de septembro, ĉe la belega salono de SECOVI, okazis la jenaj prelegoj far niaj kleraj invitintoj :

| | |
|---|---|
| -Inĝ. Gilbert René Ledon | - La Socia Rolo de Esperanto ; |
| - Prof. José Passini | - Esperanto kaj Internacia Kulturo; |
| - S-ino Maria P. Almada | - Esperanto en la mondaj organizaĵoj |
| - Inĝ. Alberto Flores | - Pioniroj de Esperanto en R.G.Sul ; |
| - Prof. Evaldo Pauli | - Enciklopedio en Interneta Reto ; |
| - Inĝ. Alberto Barrocas | - Kio estas akvo pura ? |

# Cseh-Metoda Kurso

La esperanta Cseh-Metoda Kurso okazinta paralele al la 9ª Sudbrazila Renkontiĝo estis unu el la plej elstaraj aranĝoj de tiu evento. Ĝi funkciis en la 4ª etaĝo de la strateto Leonardo Truda n-ro 98. Kun 40 gelernantoj, la kurso estis instruata de Prof. Roberto Resende, diplomita de Internacia Instituto de Esperanto, lokita en Nederlando. Prof. Resende estis speciale invitita por lernigo de fulma baza kurso,

Laŭ metodo Cseh ( oni prononcas "ĉe ,"kvankam ĝi ne estas gaŭĉa... ). Tre lerte kaj majstre kondukitaj la instruoj de Prof. Resende, malgraŭ etaj ĝenoj pri lumigo de klasĉambro, lasis al ĉiuj lernantoj neforgeseblan impreson.

# Turismaj Aranĝoj



Turismaj aranĝoj estis speciale preparitaj por akordiĝi kun la gaŭĉa folklora defilo, omaĝe al Farrapa Revolucio. La scenejo estis la Parko Harmonio, kiu pleniĝis je miloj da tendoj kaj da homoj gaŭĉe vestitaj sur beltrajtaj ĉevaloj

Dum tiu ŝtata feria tago (20ª de septembro) per la ŝipo "Blanka Cigno ", je la l5a horo, oni eliris ekde la havena pordego kaj ŝippromenis tra la rivero Guaiba, meze de la insularo.

Preskaŭ la tuta lernantaro ĉeestis tiun malstreĉitan kaj belan promenadon. Tuj post la ŝipvojaĝeto, per senpaga buso je nia dispono, oni veturis tra la urbo por koni la ĉefajn vidindaĵojn. Samideano Evandro Gonçalves dos Santos tiuokaze montriĝis tre lerta urbĉiĉerono.



# Artvespero

Je la 20ª horo de la 20ª de septembro, ĉe la aŭditorio de "Farrapa Palaco "(Deputitara Ĉambro) okazis belega spetaklo de gaŭĉaj folkloraj dancoj kaj muzikoj.

La nokta amuziĝo iom malfruis, sed la varietea prezentado bone rekompensis la atendadon.

- Unue, en la granda scenejo, grupo da gesamideanoj de nia Asocio improvizis kelkajn gaŭĉajn kanzonojn en Esperanto. La ensemblo, kvankam ne bone agordita pro manko da tempo, ricevis la aplaŭdon de la ĉeestantaro.
- Sekve, geknaboj de la klubo "Potreiro da Tradição " prezentis diversajn dancojn kaj oni aŭdis, je la komenco, deklamadon de bela gaŭĉa poemo.
- S-ino Heliana, loĝanta en Montevideo, nin ravis per ŝia ĉarma kantado en Esperanto, akompanata de ŝia filo Heliberto. Krom kanzonoj, ŝi donacis al ni flutajn melodiojn.
- El la urbo Araucária (Paraná), prezentiĝis antaŭ la publiko du knaboj-akordionistoj : "Marcelinho da Gaita"kaj Paulo Rodrigo ( 8 kaj 12 jaraĝaj) kiuj ricevis multnombrajn aplaŭdojn.
- Fermante la Artvesperon, prezentiĝis la ensemblo apartenanta al "35 – CTG " ( 35 – Centro de Tradições Gaúchas), pionira klubo pri renaskiĝo de gaŭĉaj tradicioj, fondita je 1948. La ensemblo adolta arigis 12 parojn da junuloj, kiuj harmonie kaj entuziasme prezentis la dancojn : Anuon, Korbon, Kastanjetan Dazipon kaj la disputan dancon (nur por la viroj) "Chula"(Ŝulan). Je la eniro elstariĝis la kanzono Konu Rio Granden, Ĝi estas beleta, kaj por la eliro la danco kaj kanto de la lmuziko Estu Preta. La gracieco de la fraŭlinoj kaj la simpatio de la junuloj donis al la scenejo etoson de ravo kaj magio.

# Subre-Rezolucio

Jen la Rezolucio aprobita je la 21ª de septembro 1997, dum la 9ª SUBRE

"Ĉar Esperanto havas unuigan karakteron, ĝi estas direktita al universaleco kaj tutmonda kulturo.

Tiel ni konstatas ke :

1-e. Ekzemplo de Socia Rolo de Esperanto estas UEA, ĉar ĝi akceptas ĉiujn fakojn kaj grupojn. Tie jam estas universaleco.

2-e. Por la efektiviĝo de la universaleco de Esperanto, estas necese, ke ni uzu la lingvon ene de nia familia medio. Nur kun ĝia uzado, ni povos montri al ĉiuj, ke ĝi taŭgas por plibonigi la mondon.

3-e. Ĉar ni jam vivas Esperanton, ni efektivigas ĝian socian rolon al la universaleco, deire de mikrosocio al makrosocio.

La 9ª SUBRE rezolucie agnoskas la gravecon de nia komuna strebado favore al unuiĝo kaj plifortiĝo de niaj regionaj agadoj cele al plenumo de universaleco esperantista.

GEA - EASC - PEA - EASP

# Gaŭĉaj Popoldiroj

Malgranda kiel ĝojo de malriĉulo
Mallonga kiel kruro de porko
Nigra kaj malpura kiel konscienco de butikisto
Perpleksa kiel blato en kokejo
Persistema kiel domaĉa fendogutumado
Pinta kiel korno de braĝkolora bovo
Plorema kiel juna bovido
Preferata kiel la plej juna filo de maljuna paro.

# Lingva Ŝerloko

(Solvo el la dua paĝo)

1. Vidu ĉu viaj gepatroj jam alvenis.
2. Morgaŭ estos leciono de la portugala lingvo.
3. La leciono finiĝas je la 10ª vespere.
4. Mi loĝas 5 kilometrojn de ĉi tie.
5. Li parolis 30 minutojn dum la mateno.
6. Mi lin demandis kion li vidis
7. Johano finis la konstruadon de sia domo...
8. La frazo estas korekta : "Lian"signifas ke Petro gvidis la aŭtomobilon de iu alia kaj "garaĝon"klarigas ke la aŭtomobilo ne haltis, sed eniris en la lokon. Evidente, miaj karaj Watsonoj !

# Regularo pri Renkontiĝoj

Prezentita de S-ano Ivo Sanguinetti, la propono pri Regularo de venontaj Sudbrazilaj Renkontiĝoj de Esperanto estis plene aprobita post etaj modifoj. Jen la teksto:

1.Estas nomata SUDBRAZILA RENKONTIĜO DE ESPERANTO (SUBRE), la Renkontiĝo de sudaj Esperantaj asocioj, kun la celo ekzameni komunajn problemojn kaj proponi rimedojn por la plej efektiva disvastiĝo de la Internacia Lingvo Esperanto.

2.La SUDBRAZILA RENKONTIGO DE ESPERANTO estos efektivigata je ĉiu du (2) jaroj, sub la respondeco de la asocioj apartenantaj al la sudbrazila regiono, nome Gaŭĉa Esperanto-Asocio, Esperantista Asocio de Santa Catarina, Paraná Esperanto-Asocio kaj Esperanto-Asocio de San-Paŭlo.

3.Se eblos, la efektiviĝo de tiuj eventoj okazos em sekva ordo de la respektivaj regionoj, prefere de septembro ĝis novembro de la neparaj jaroj.

4 .La okazigo de SUBRE, rezultanta de la integriĝa agado de la ŝtataj asocioj de la suda regiono, estas plenplene aŭtonoma kaj sendependa rilate ian ajn esperantaj organizaĵoj,

5 .BRAZILA ESPERANTO-LIGO (BEL), honora invitata de tiuj Renkontiĝoj, partoprenos kiel observanta kaj kunlaboranta organizaĵo, kun konsultdona atribuo.

6. La prezidantoj de la asocioj supre menciitaj aŭ iliaj reprezentantoj konsistigas la KONSILION, kiu funkciigos la laborojn dum la okazigo de la Renkontiĝoj.

7. La prezidanteco de la KONSILIO estos plenumata de la estro aŭ reprezentanto de la organizanta asocio.

8. La rezolucioj de la Renkontiĝoj estos ekzamenataj de la KONSILIO.

9. Neniu dokumento aŭ objekto estos disdonata aŭ vendata en la Renkontiĝoj sen antaŭa aprobo de la KONSILIO,

10. La Konsiliantoj en la kunvenoj rajtas voĉdoni per unu nura voĉo.

11. La monprovizo necesa por efektivigi la Renkontiĝon estos garantiata per aliĝoj, helpmonoj, subvencioj ktp, sub la administrado de la organizanta asocio.

12. Krom la asocio kiu organizas la koncernan Renkontiĝon, la ceteraj ne respondecas por eventualaj ŝuldoj de SUBRE.

13. Dum la efektivigo de la Renkontiĝoj, ESPERANTO, estos considerata privilegia laborlingvo, flanke de la portugala idiomo.